# BEL informas


Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Aŭgusto n-ro 8/2008


## KONGRESO DE SAN-PAŬLO ENTUZIASME PRETIĜAS

Esperanto-Asocio de San-Paŭlo efektive montras sian forton: krom bela kaj altnivela revuo regule publikigata, ĝi de kelkaj jaroj aŭspicias ŝtatajn kongresojn – ne nur modestajn renkontojn. La 3- Kongreso de la ŝtato okazos en oktobro 10-a ĝis 12-a, en la urbo Lorena. Oni entuziasme preparas la eventon. Komunan loĝejon kaj apogon de la loka "Kulturdomo" garantias sufiĉe komfortajn ejojn. Riĉa kulturprogramo kaj amika etoso garantios okazon por praktikado de nia lingvo kaj movado. Venu amase! Informojn per www.easp.org.br .

## AKTIVULOJ EN RIO OMAĜAS JAPANAJN ENMIGRINTOJN

La grupo, kiu starigis "Projekton Esperanto al la Publiko", ofte manifestiĝas aŭ simple vizitas neesperantistajn eventojn kun la verda flago, diversmaniere montrante nian aferon. Ĉi-foje, je la 6-a de julio, ĝi vizitis "Kulturcentron Banco do Brasil", kie oni celebris la jarcentan daton de japana enmigrado en Brazilon. Japandevenaj neesperantistoj akompanis la geesperantistojn ĉe la ekspozicioj, en kunfratiĝa etoso. Kiel kutime, oni disdonis flugfoliojn pri Esperanto.

## DUA "ZOMAER"

Alia regiona renkonto fariĝas jam tradicia en nia kalendaro. Ni apogu ĝin, ĉar tiaj eventoj grave kontribuas por kunvivado kaj praktikado de nia lingvo. Ĉi-foje temas pri la "II-a Zona da Mata Esperanto-Renkontiĝo", kiu okazos en la urbo Ubá/MG, je la 14-a de septembro 2008, ĉe "Instituto de Aplicação Educacional", R. Conselheiro Augusto César 299, Copacabana. La temo de la renkonto estas: "Esperanto: kiel efike disvastigi ĝin", pri kiu prelegos la estrarano de Brazila Esperanto-Ligo, D-ro Maurício M. Gomes. Pliaj informoj per la retadreso wanerma@yahoo.com.br .

## PROPONO: "PROGRAMO ESPERANTO SURSTRATE"

De la supremenciita aktivulo kaj estrarano Maurício M. Gomes (mmonken@uol.com.br), ni ricevis la jenan leteron, per kiu li proponas interesan programon. Legu ĝin kaj sendu al ni viajn komentojn:

*"Jen sugesto por pripensado de niaj karaj samideanoj: En ĉiu brazila vilaĝo aŭ urbo kie ekzistas almenaŭ UNU esperantisto ke li strebu aperigi surstraten la nomon ESPERANTO. Ĝi estu placo, stratnomo, monumento, nomo de komerca firmao, aŭ alia afero. Tio fariĝas DEFINITIVA atentigilo pri nia lingvo. Mi uzas la vorton "programo" , ĉar ĝi estas konstanta, longdaŭra; la vorto "kampanjo' koncernas nur dumtempan agadon. BEL kolektos la datumojn, la detalojn de tiuj faroj ekzemple: urbo, tipo de surstrataĵo, nomo de ties faranto ktp. Oni registros la aferon por la historio de Esperanto, ĉar temas pri tutlanda aranĝo. Kion vi opinias pri tio?"*

## EM BOM ANDAMENTO A ORGANIZAÇÃO DO 3º CONGRESSO PAULISTA DE ESPERANTO

O evento, de 10 a 12 de outubro próximo, terá por sede a Casa da Cultura de Lorena, departamento da Prefeitura da cidade. Prepara-se rico programa cultural e ambiente de confraternização, com possibilidade de alojamento. www.easp.org.br

## ATIVISTAS HOMENAGEIAM A IMIGRAÇÃO JAPONESA

O grupo, responsável pelo Projeto Esperanto para o Público, visitou em 6 de julho o Centro Cultural Branco do Brasil, confraternizando-se com a comunidade nipônica, visitando exposições e divulgando o Esperanto com panfletagem.

## II-O ZOMAER

O 2º Encontro de Esperanto da Zona da Mata vai ocorrer em14/09/2008 na cidade de Ubá / MG, no Instituto de Aplicação Educacional, R. Cons. Augusto Cesar 299, Copacabana. Tema do evento: "Esperanto: como divulgá-lo com eficiência?". A palestra inaugural será proferida pelo membro da Diretoria da Liga Brasileira de Esperanto, Dr. Maurício M Gomes. wanerma@yahoo.com.br

## PROPOSTA: ESPERANTO NA RUA

O mesmo Maurício M.Gomes nos envia correspondência, propondo um "PROGRAMA ESPERANTO NA RUA". Trata-se de sua sugestão, de que em cada localidade brasileira onde houver um esperantista, mesmo que isolado, ele tente estabelecer o nome da Língua Internacional em um logradouro, firma, monumento ou equivalente. A Liga Brasileira de Esperanto organizaria um banco de dados permanente, para coletar essas iniciativas e registrá-las na história de nosso movimento. Aguardamos a opinião dos samideanos.

**3-A KONGRESO DE ESPERANTO DE LA ŜTATO SAN-PAŬLO**
**LORENA, 10-12a OKTOBRO 2008 – NI APOGU AMASE!**

3º CONGRESSO DE ESPERANTO DO ESTADO DE S. PAULO – LORENA 10-12/10/2008

BEL informas
Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br
Redaktas: Paulo Sergio Viana, Aŭgusto n-ro 8/2008

## ESPERANTO-PROGRAMEROJ EN BRASÍLIA

La Ĝenerala Sekretario de Brazila Esperanto-Ligo sendas al ni simpatian programon de Esperanto-eventoj en la ĉefurbo. Temas pri matenkafaj renkontoj, Monata Festo de Oomoto Internacia, Librofoiro (kie staros Esperanto-stando), Esperanta Renkontiĝo en Brazlândia, Brazila Renkontiĝo de Esperantistaj Spiritistoj, 11-a Renkontiĝo en Taguatinga. Ĉiuj programeroj estas fiksitaj por la monatoj aŭgusto kaj septembro 2008. Detalajn informojn de la Sekretario: carlosmaria@terra.com.br

## NOVA KURSO EN NITERÓI

Niterói Esperanto-Klubo/RJ komencis em aŭgusto novan bazan kurson de Esperanto, sub gvidado de la kompetenta Aloísio Sartorto, ĉiuĵaŭde, je la 18-a horo, ĉe Av. Amaral Peixoto 207, ĉambro 1609.

InKo
IMPRESSO
BRAZILAJ INTELEKTULOJ KAJ ESPERANTO

## NOVA INKO

Kultura Kooperativo de Esperantistoj, en Rio, plu diligente, konscience kaj modele laboras. Ampleksan paĝaron en interreto oni konsultu per www.kke.org.br , kie oni trovas abundan materialon pri la movado, literaturaĵoj, eseoj, fotoj, raportoj. La Kooperativo regule aperigas (virtuale kaj papere) bultenon "INKO", kaj la lastan numeron, respondan al julio/aŭgusto ni danke ricevis. Ni forte rekomendas ĝin al la esperantistaro de la tuta lando, pro la seriozeco kaj oportuneco de la materialo. KKE regule aperigas ankaŭ kalendaron de siaj riĉaj kulturprogramoj. Se vi venos al Rio, nepre vizitu ĝin: Av. 13 de maio 47 sl. 208. Gratulon!

## LERNI MATEMATIKON EN ESPERANTISTA KLUBO

"Nia Espero Esperanto-Grupo", el la urbo Barra Mansa / RJ, anoncis interesan programeron em aŭgusto 2008: lernado de matematikaj kalkuloj per sorobano.Oni invitis al la iniciato por "evoluigi rezonkapablon kaj faciligi rapidajn menskalkulojn". Esperantisto el najbara urbo "Três Rios", Jorge Link, instruis la partoprenantojn. Informis Sílvio Márcio C. Bruno: silviomarciocb@yahoo.com.br .

http://bejo.esperanto.org.br

## BRAZILA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO KONFERENCAS VIRTUALE

Okaze de la lasta Brazila Kongreso de Esperanto, en Fortaleza / CE, en julio 2008, oni elektis novan estraron de BEJO. La gejunuloj entuziasme, serioze kaj aktive kunvenis kaj diskutis siajn aferojn. En la kuranta monato aŭgusto, ni ricevis informon, ke BEJO-anoj okazigos "skajpo"– konferencon en semajnfina tago, por diskuti pri la vojoj de la Organizo. Ni konstatas iliajn seriozecon kaj diligentecon pro kelkaj signifoplenaj faroj: lastatempe reaperis la bela bulteno "Momenton!" kaj dum la menciita kongreso BEJO taŭge prizorgis la konkurson "BEJO-ataŝeo". Ni fidoplene atendas pliajn informojn flanke de la nova estraro. Konsultu: http://esperanto.org.br .

O "BEL INFORMAS" INFORMA O QUE VOCÊ INFORMA! ESCREVA-NOS!

### PROGRAMAS EM BRASÍLIA

Carlos Maria, Secretário Geral da Liga Brasileira de Esperanto, informa sobre série de eventos esperantistas, programados para agosto e setembro de 2008, na Capital: café da manhã esperantista, Encontro em Brazlândia, Encontro da Oomoto, Encontro de Espíritas Esprantistas, feira do libro. Peça detalhes: carlosmaria@terra.com.br .

### NOVO CURSO EM NITERÓI

Sob direção de Aloísio Sartorato, desde agosto de 2008, curso básico de Esperanto à Av. Amaral Peixoto 207, sala 1609.

### MATEMÁTICA NO CLUBE DE ESPERANTO

O Clube de Esperanto de Barra Mansa / RJ realizou curso de cálculo por ábaco, em agosto de 2008, sob orientação do Esperantista Jorge Link, da vizinha Três Rios / RJ

### NOVO "INKO"

A Cooperativa Cultural dos Esperantistas, no Rio, prossegue em sua exemplar atividade pelo Esperanto: página virtual riquíssima (www.kke.org.br), programa regular para os associados e o boletim "INKO", cujo número de julho / agosto acabamos de receber. Leitura obrigatória para todo Esperantista interessado no movimento. Visite a Cooperativa, à Av. 13 de maio 47, sl. 208.

### JUVENTUDE ESPERANTISTA FAZ CONFERÊNCIA VIRTUAL

A Juventude Esperantista Brasileira, filiada à Liga Brasileira de Esperanto, elegeu nova diretoria no Congresso de Fortaleza, em julho último. O novo grupo inicia seu mandato com grande entusiasmo, marcando conferência virtual num dia de fim de semana de agosto. A idéia é planejar as novas atividades do grupo, após o lançamento de novo número da revista "Momenton!" e do concurso "Adido Cultural da BEL-2008"

"BEL INFORMAS" INFORMAS NUR, SE VI INFORMAS! SCIIGU NIN PRI VIA LOKA AGADO!